# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VIII N.° 1 (85) ENERO, 1956


## OPTIMISMO

En muchas ocasiones, al comprobar que son pocos los verdaderos enemigos del Esperanto, pero sí que son legión los que desconfían en la posibilidad de que, algún día, sea impuesto por disposición oficial, hemos pensado que la humanidad se divide, en este asunto, en optimistas y pesimistas.

Podemos asegurar que, por cada uno de los que lo estudian, porque mediante él piensan alcanzar algún beneficio práctico, hay más de diez que lo hacen porque estiman que, con ello, realizan un acto moral, de fusión con la humanidad, sin distinción de razas, y un anticipo para la causa de la paz mundial, a la que tanto perjudica la diversidad idiomática. El esperantista es, pues, esencialmente un optimista, y raramente un optimista es un ser reprobable. Nada bueno han hecho, durante la historia de la humanidad, los pesimistas. En cambio, optimistas fueron cuantos, creyendo en el bien, en la bondad, en la mejora del género humano, crearon progreso, higiene, cultura y felicidad. Colón, Jenner, Pasteur, Edisson y Fleming fueron optimistas, como también lo fué Zamenhof. Su talento y su tesón, hasta descubrir mundos, suprimir enfermedades y encontrar módulos más agradables para los humanos, no hubieran prosperado sin su optimismo. Podemos llegar a la afirmación de que el optimismo es moral, mientras que el pesimismo es todo lo contrario. Ser esperantista, esto es, optimista en cuanto a que la humanidad pueda hacerse mejor por un idioma común, es desear todo cuanto de bueno puede deducirse de tal intercomprensión. Y el mundo necesita, hoy día, que haya muchísimos optimistas de ese género, que deseen el bien, la armonía y la paz, y que trabajen denodadamente para lograrlo. Si, de la noche a la mañana, el mundo se esperantizase, no solamente se habría resuelto el problema idiomático, sino

# 17-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

**Barcelona, 24 - 29 de Julio, 1956**

**Adreso de la Organiza Komitato: Str. Teruel 26 - 28, Barcelona (8)**

Ĉiuj Barcelonaj Esperanto-grupoj partoprenas en la organizaj laboroj. Oni ekkontaktis kun la Aŭtoritatuloj, de kiuj esperebla oni atingos helpon. Ni esperu do ke la klopodoj de tiuj fervoraj batalantoj faru la kongreson vere impona.

PROVIZORA PROGRAMO

*Mardon, 24 de Julio.*—Akcepto de kongresanoj.

*Merkredon, 25.*—Malfermo de la Kongreso, en la historia salono «Consell de Cent», en la Urbodomo. Vizito al la Gotika Kvartalo kaj Esperantaj Ekspozicioj. Vespere: Festivalo.

*Jaŭdon, 26.*—Unua laborkunsido. Fakaj laborkunsidoj. Prelego de D-ro Solá.

*Vendredon, 27.*—Dua laborkunsido. Ekzamenoj. Prelego de D-ro Herrero.

*Sabaton, 28.*—Tuttaga ekskurso al Montserrat.

*Dimanĉon, 29.*—Sankta Meso. Teatra prezentado. Oficiala Bankedo. Kaftrinkado. Fermo de la Kongreso. Vizito al la noktaj lumfestoj.

Jen la serio da agrablaĵoj, per kiuj la organizantoj plezurigos la kongresanojn. Plie, la kongreso okazos dum tipaj festotagoj; do, la plezuro estos duobla.

## 26-a KONGRESO DE I. K. U. E.

La Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista okazigos sian jaran kongreson, en Zaragoza dum la venonta monato Julio. La Organiza Komitato aranĝis pri la datoj plej konvene por ebligi la ĉeeston al ambaŭ Esperanto-kongresoj ĉi jare en nia lando. Tiel, la IKUE-kongreso okazos de la 20-a ĝis la 24-a de Julio. Krome, eĉ oni pensas, ke post la fermo de la barcelona kongreso, ekskurso al Majorko estus tre, tre alloga. Jen la provizora programo: ***Vendredon, 20.*** Interkona Vespero. Nokta Rozario en la Baziliko de Nia Sinjorino de la Kolono. ***Sabaton, 21.*** Diservo en la Baziliko kaj prediko en Esperanto. Vizito al la Preĝejo kaj ruinoj de la roma urbo. Oficiala fotografado. Solena Malfermo de la Kongreso. Prelego. Kunveno de Estraranoj de IKUE. Sekciaj kunvenoj. ***Dimanĉon, 22.*** Solena Diservo en Sankta Karolo. Vizito al la urbo, kastelo Aljafería kaj urba parko. Folkloraj dancoj kaj kantoj. Lunĉo. ***Lundon, 23.*** Diservo en la kripto de Sankta Engraco. Vizito al la urba Muzeo pri Belartoj. Oficiala akcepto ĉe la Aŭtoritatuloj. Prelego. IKUE-jarkunveno. ***Mardon, 24.*** Diservo en la Katedralo. Vizito al la Eparkia Muzeo kaj kolekto de Tapiŝoj. Fermo de la Kongreso.

---

que, también, de rechazo, habrían dejado de existir otros muchos problemas que hoy espantan a la humanidad. Por eso, los esperantistas, que son optimistas por esencia, se sienten orgullosos de su doctrina idiomática, y encuentran, en el ambiente mundial del momento, motivos para sentirse cada vez más optimistas. La situación en la Unesco y el Consejo de Europa, y la favorable inclinación hacia el Esperanto, por parte de algunos Gobiernos, justifican nuestro optimismo y ofrecen, para el año que comienza, las mejores perspectivas de afianzamiento de nuestros postulados idiomáticos. Por nuestra parte, justifiquemos este optimismo con nuestro tesón y laboriosidad. ¡Estudio y propaganda! Esta es la consigna.

# HISPANA KRONIKO.

*BARCELONA.* La venonta 17-a Hispana Kongreso de Esperanto jam vekas la intereson de nia junularo rilate la internacian lingvon. Efektive, en pasinta Novembro komenciĝis du kursoj, unu por komencantoj en U. E. C. (Ekskursa Societo de Collblanch) kaj alia por progresintoj ĉe Radio Club Cataluña. Gvidas la menciitajn kursojn instruisto S-ro Jaime Aragay.

*VITORIA.* Oni elektis provizoran komitaton, kiu fondos la lokan Esperanto-Klubon. La komitato konsistas el jenaj samideanoj: Prezidanto, S-ro Eusebio Arbulo; Sekretario, S-ro Carmelo Daubagna; Kasisto, S-ro Ismael Perales; Voĉdonantoj, S-roj Vicente Alegría, Jesús Daubagna kaj Concepción González Tablas.

*TARRAGONA.* En la revuo de la Marianaj Kongregacioj *Proa* aperis artikolo subskribita de A. J. M., kun la titolo «Los católicos y el Esperanto», kiu estas tre interesa kaj valora por la esperanta propagando. Tio montras, ke la ĉitiea samideanaro laboras.

*SAN FELIU DE CODINAS.* En pasinta Oktobro Esperanta Ekspozicio inaŭguriĝis en la Katolika Centro, kaj daŭris ĝis meze de Novembro. Ĝi estis tre multnombre vizitata kaj post la ekspozicio komenciĝis nova kurso kiun partoprenas 16 lernantoj. Daŭras ankaŭ alia kurso por 6 progresintoj. La ekspozicio ankaŭ estis vizitata de angla samideano S-ro W. L. Simpkins.

*MOYÁ (Barcelona).* Dum pasinta somero *Esperanto-Grupo Moyá* ricevis la viziton de diversaj esperantistoj, inter ili du angloj, norvego kaj franco. Okaze de tiuj vizitoj la Grupo kunvenis kaj la fremdaj samideanoj prelegis pri siaj landoj.

Tridek kvin gesamideanoj el nia Grupo subskribis la oficialan peton, adresita al nia Urbestraro, por ke oni nomu novan straton aŭ placon per la nomo Esperanto. La respondo estis jesa. Ni atendu.

La loka monatgazeto *La Tosca,* regule aperigas artikolojn pri la esperanta vivo.

Du Esperanto-kursoj komenciĝis: por junuloj, en nia sidejo, kun 20 partoprenantoj, kaj por fraŭlinoj ĉe «Virina Gimnazio» kun partopreno de 8 estontaj samideaninoj.

Nia Grupo ŝakludas per korespondado kun 5 Esperantaj Kluboj el diversaj landoj. Tiuj ludoj vekis grandan entuziasmon inter niaj membroj.

*ZARAGOZA.* La esperantista societo FRATECO organizis intiman feston por honori la memoron de nia Majstro. Ĝi okazis la 18/12 en salono de nia Klubo. Partoprenis ĝin multaj esperantistoj kaj ankaŭ diversa publiko simpatianta al nia afero. Komence oni legis raporton de A. Marco pri la nuna stato de la esperantista movado en la mondo, post la lastaj decidigaj eventoj. Tre koncize kaj trafe li spegulis optimisman bildon pri la estonteco de nia lingvo. Sekvis prelego de samideano A. Salete pri la historio de la presarto kaj ĝia influo en la evoluo de la tutmonda klereco. Li donis tre detalajn informojn pri la unuaj paŝoj de la presarto ĝis la alveno de la maŝinismo, kiu rapidege evoluigis la aferon. En la lasta parto de lia bela prelego li klarigis la nunan gigantan organizon de la gazetaro kiel plej grava atingo. D-ro F. de la Puente, prezidanto de K. E. H. A., prezentis belan artikolon pri la vivo kaj verko de Zamenhof: el la unuaj klopodoj konsistigi la lingvon, ĝis la definitiva triumfo, baldaŭ tranĉita pro lia frua morto. Sekvis kelkaj literaturaj pecoj legitaj de Avelino Sevilla, nia elstara poeto. Varma aplaŭdo premiis lian intervenon. Nia prezidanto, S-ro Pedro Marqueta, verve rakontis al ni pri sia vojaĝo tra Italio kaj partopreno en la Universala Kongreso, en Bologna. La parolado estis akompanata de lumbildoj kiuj bele impresis la publikon. La vojaĝo tra la tuta lando, en aŭtobuso, kun esperantistoj el dek landoj, estis tre simpatia sperto kaj efika propagando pri nia lingvo.

Kiel lasta punkto, nia samideano F. Guzmán faris tre spritan deklamadon, kiu ege amuzis la publikon.

La estraro de FRATECO estis renovigata, laŭ la statutaj normoj. Nia senlaca prezidanto, S-ro Oros, devis ĉesi en sia posteno, kaj, kiel anstataŭanto, estis nomata nia samideano Pedro Marqueta Roy, de ĉiuj konata pro sia intensa laboro en la esperantista kampo. Kiel Vic-prezidanto estis nomata D-ro Fernando de la Puente, la nuna Prezidanto de KEHA. Sekretario estas S-ro José Martínez kaj Kasisto F-ino María Casasnovas. La listo estis kompletigata per la nomoj de Benito, Clariana, Cebollero, Bun, Morales, Pérez, Guio kaj Josefina López. Ni ĉiuj atendas multon el la entuziasmo de la nova estraro.

*LA LAGUNA DE TENERIFE.* La gazeto *El Día* de Santa Cruz de Tenerife publikigis artikolon de la ĵurnalisto S-ro Luis Alvarez Cruz pri Esperanto kaj pri la nova kurso, kiun samideano Juan Régulo Pérez aranĝis en kunlaboro kun la Universitato de La Laguna. La menciita samideano sukcesis konvinki la altajn instancojn de tiu Universitato preni sur sin la instruadon de Esperanto en la urbo. Nun jam tio okazas oficiale en la universitata organo Secretariado de Publicaciones, Intercambio Científico y Extensión Universitaria. Ĉi tiu organo organizas ankaŭ la Instituton de Idiomoj de la Universitato, kaj tre probable ekde la venonta kurso Esperanto estos unu el la lingvoj de la Instituto se la nuna kurso estos sukcesa. Se tio okazas, la instruisto estos ŝtata oficisto, pagita el la ŝtata budĝeto, laŭ propono de la Rektoro al la Ministro, post organizo de konkurso, same kiel nun okazas por aliaj lingvoj. En la nuna kurso enskribiĝis 59 personoj, inter ili pluraj universitataj profesoroj. Inter la ĉeestantoj de la kurso, estas ankaŭ kanoniko de la Katedralo, kiu samtempe estas profesoro pri Religio en la Universitato. Ĉi tio ja estas preskaŭoficiala enkonduko de Esperanto en hispana universitato. Tre gratulinda estas la agado de samideano Juan Régulo Pérez kaj liaj kunlaborantoj.

*VALENCIA.* Kiel ĉiujare la lokaj esperantistoj celebris la datrevenon de Zamenhof per alloga programo. Okazis komuna vespermanĝo 15/12 en centra restoracio. Je la fino S-anoj Hernández kaj Vizcaíno paroladis alude al la dato kaj poste la federacia prezidanto D-ro Herrero diris kiel li kutimas —t. e. elokvente— la finajn vortojn kaj, krome, legis kelkajn salutleterojn de eksterlandaj samideanoj. Ĉiuj paroladoj estis gravurataj en magnetofona bendo. La festo finiĝis per balo kiun partoprenis precipe la gejunularo. Dimanĉon 18/12 oni aŭdis meson antaŭ la altaro de la Virgulino de la Espero (patronino de la esperantistoj) en la preĝejo Sankta Martino, kaj poste la samideanaro promenis ĝis la strato de D-ro Zamenhof, en kies tabulon oni metis laŭran kronon kaj la fotoamatoroj pafis kelkajn fotojn. La antaŭan tagon per cirkuleroj distribuitaj en ĉiuj domoj de la sama strato oni informis al la loĝantoj pri kio estas Esperanto kaj kiu estis D-ro Zamenhof. Saman tagon posttagmeze oni ree kunvenis en Montepio de la Dependencia Mercantil (kie kutime okazas niaj kursoj) kaj post malpeza lunĉo, estis distribuataj la premioj (donacoj de S-ro Rigal kaj de S-ro Matos) al la lernantoj, kiuj sukcesis en la ekzamenoj de la antaŭaj ĵus finitaj kursoj. Fine oni plezurigis la ĉeestantaron per disaŭdigo de la paroladoj gravuritaj en magnetofona bendo dum la vespermanĝo de la antaŭa ĵaŭdo, pli supre menciita. Oni surprizis agrable la aŭdantaron per ankaŭ magnetofona disaŭdigo de neatendita parolado de D-ro Tudela pri lia vortaro. La festo, tre agrable partoprenata de multaj esperantistoj kun familianoj, finiĝis tre ĝoje meze de vera samideana atmosfero.

D-ro Ernesto Tudela informis pri grava sciigo. Li interkonsentis kun la firmo Editorial Guerri pri la eldono de sia vortaro hispan-esperanta kaj laŭ aserto de tiu firmo la libro estos preta post cirkaŭ tri monatoj. Tiu sciigo eksterordinare ĝojigis la valenciajn esperantistojn, kaj espereble ankaŭ plaĉos al la hispana samideanaro kaj al ĉiuj esperantistoj en la hispanlingvaj landoj. Ni deziras havigi al niaj legantoj pliajn informojn pri ĉi tiu afero, pri kiu ni atendadis de antaŭ kelkaj jaroj, kaj ni esperas, ke en venontaj numeroj de la bulteno D-ro Tudela povos kontentigi la scivolon de ĉiuj interesuloj.

al la paĝo 249

# LITERATURA MONDO KAJ STAFETO

**Ni komencas hodiaŭ aperigi tre valorajn opiniojn pri la eldonejo «Stafeto» de nia kara samideano Juan Régulo Pérez, kiu tiom alte metis la hispanan standardon rilate la eldonon de bonegaj libroj laŭ ilia literatura valoro kaj ilia riĉa prezento. — Red.**

FENOMENO PRESKAŬ MIRAKLA de la antaŭmilita periodo estis la eldonagado de *Literatura Mondo.* En 1948 s-ano Butler esprimis al mi admiron pro ĝia atingo. «Pripensu,» li diris, «ke L. M. eldonis 77 librojn sen kapitalo! Kie oni prenis la rimedojn?» La respondo kuŝas sub alia enigmo: la personeco de Vilmoŝ Bleier. Bleier sendube estis financa geniulo, kiu elektis apliki sian eltroveman spiriton al eldonado de Esperanta belliteraturo. Pri tiu unika homo kaj liaj originalaj rimedoj estus tre interese ion legi, kaj tion ni eble iam havos de liaj kolegoj. Li mem, ho ve, ne vivas plu: li mortis ĉ 1940 en Parizo.

Post la milito pendis la demando: kiu transprenos la mantelon de L. M.? Je nia ĝojo la revuo *Literatura Mondo* reviviĝis sub administrado de Bela Bleier-Berceli, frato de Vilmoŝ Bleier, kaj eĉ aperis la 78-a libro: la nova eldono de *Johano la Brava* de Petőfi en traduko de Kalocsay. Sed jam en 1949 ĉio devis ĉesiĝi, kaj tre dolora intermito sekvis.

Sed doloro strebas al kuraco, kaj nelonge daŭris, ĝis la tempo elŝovis novan homon, same idealisman, same entrepreneman kiel la bedaŭrata Bleier. Tiu estis Juan Régulo Pérez, hispana samideano delonge ŝatata pro siaj kleraj artikoloj en diversaj gazetoj. En 1951 ni eksciis, ke li elpaŝas kiel eldonisto en hispana kaj Esperanta lingvoj, kaj baldaŭ aperis sub lia egido la poemlibro *Kvaropo:* unua eldonaĵo de nova belliteratura serio «Stafeto». Per ĉi tiu titolo la eldonisto aludis, ke li transprenas la torĉon de *Literatura Mondo* por daŭrigi ĝian altan agadon.

La aŭguristoj profetis pereon al tiu kuraĝa entrepreno. Aliaj eldonistoj, vidinte la luksan volumon tre malaltprezan, atendis baldaŭan bankroton de la novica eldonejo. Kaj tute certe la vojo ne estis, nek ankoraŭ estas, facila. Sed tiel granda estis la soifo je poezio ĉe la publiko, kaj tiel loga la prezento de tiu bela libro, ke la tuta eldono elvendiĝis dum 18 monatoj. Je la fino de 1953 estis preta la dua volumo, kaj en la nuna jaro, kun mirinde akcelanta ritmo, eliris jam tri imponaj volumoj: du originalaj novelaroj kaj la poemaro *Kontralte* de Marjorie Boulton...

Antaŭ kelkaj tagoj mi ricevis leteron de Prof. Waringhien. En ĝi li skribas: «Mi ĉiam plu miras pri la daŭro de la Stafet-entrepreno; *tio por mi apartenas al la kategorio de la miraklo.*» Jes, la historio ripetiĝas! Kaj nun ni, amantoj de bela poezio kaj absorbaj rakontoj, estu dece dankaj pro la kuraĝo kaj oferemo de amiko Juan Régulo. Kaj tute aparte fieru vi hispanoj, ke tiu alta entrepreno, kiu transprenis ĉefan respondecon por la kontinuo de nia beletro, aktivas ĝuste sur hispana tero. Tiun fieron vi povas esprimi plej konkrete per aĉetado de la belaj volumoj. Vi ne bedaŭros!

*Reto Rossetti.*

---

## Koresponda Servo de Germana Esperanto-Junularo

Por helpi al siaj membroj kaj al junaj komencantoj en Germanujo, ricevi amikojn en la tuta mondo, Germana Esperanto-Junularo (GEJ) fondis Korespondan Servon, kiu kolektas adresojn de junaj (ĝis 25-jaraj) eksterlandaj samideanoj kaj disdonas ilin al samaĝaj germanaj korespondontoj. GEJ petas ĉiujn junajn esperantistojn tutmondajn, kiuj deziras korespondi kun germanaj amikoj, skribi al la Koresponda Servo; (adreso: S-ro Hans Best, Untere Mühlaustrasse 218, Mannheim, Germanujo); indikante siajn nomon, antaŭnomon, adreson, sekson, aĝon, profesion, lingvoscion esperantistan (komencanto aŭ progresinto) kaj interesojn, krome sekson, aĝon kaj profesion de la dezirata germana korespondonto. Esperantistaj organizaĵoj estas invitataj kunlabori kun la Koresponda Servo de GEJ.

# NOVAJ LIBROJ

**ILUSTRITA VORTARO DE ESPERANTO,** de F. Azorín. Unua volumo, A-K. 642 paĝoj, 23 x 17 cm. Tole bindita. Eldono de «Editorial Stilo», México, 1955. Akirebla ĉe Iberia Esperanto-Servo, Provenza 75, Barcelona. Prezo: 275 pesetoj, afranko 5 pesetoj.

Jen plaĉa libro, vere utila, kun bonaspekta prezento kaj riĉa enhavo; kun originalaj desegnaĵoj kaj bildoj laŭcelaj. Verko taŭga por ĉiu esperantisto, sed precipe por la lingvistoj, verko kies freŝegan, ĵusbakitan unuan volumon mi foliumas de antaŭ kelkaj tagoj.

La eldono de tiel ampleksa verko estas brava entrepreno, pro ĝia multekosto en la nuntempaj cirkonstancoj, kaj pro tio ke, kuraĝe, sed logike, oni kreis kaj enmetis pli ol mil radikojn, kiuj kune kun la tuto de Plena Vortaro kaj Suplemento kaj 50.000 kunmetitaĵoj —en tute ĉirkaŭ 60.000 vortoj—, ĉiu kun sia difino, simile al nacilingvaj vortaroj, konsistigos la enhavon de la du volumoj de la verko.

Por tia grandega tasko, la aŭtoro kunigis al sia laboro tiujn de diversnaciaj kaj diversfakaj kunlaborantoj, por doni al la verko plejeblan perfektecon kaj internaciecon. Tiel, kun bazo seslingva —foje 7/9— kaj etimologia, apud ĉiu radikvorto oni metas ĝian tradukon aŭ pli similan samdevenan vorton, escepte en vortoj science oficialaj, kies internacieco estas konata de ĉiu instruitulo. Malgraŭ ĝia amplekso, vera enciklopedio, la aŭtoro ne vantas diri, ke la Vortaro estas plena, tutkompleta, ĉar verdire, vortaro, eĉ la plej ampleksa, neniam estos plena kaj kompleta, kaj tial ke la senĉesa progresado de Scienco, Tekniko kaj Beletro postulas multfoje krei novajn radikojn, Esperanto, vivanta lingvo, ne povas stagni, sed evolui samtakte, tra natura kaj rekta vojo.

La multaj teknikismoj enmetitaj, klare diras la aŭtoro, «ne celas anstataŭigi la neprajn fakajn terminarojn, sed iel helpi al transiro de nia romantika periodo al scienca epoko». La desegnaĵoj agrable okultrafas kaj multe utilas, ĉar ili ne celas nur ornami la verkon, sed esprimi kunrilatajn ideojn kaj faciligi la komprenon de ajna difino. Ekzemple: apud *banderili*, tipa desegnaĵo montras, pli klare ol la plej ĝusta ekspliko, kiel banderilisto najlas aŭ kroĉas paron de banderiloj al taŭro. Ĉe diagramo de dento oni povas facile kompreni kie kuŝas la dentaj emajlo, eburo, cemento, pulpo, krono, cerviko, radiko, kc.

Ĉu necesaj ĉiuj novaĵoj? Mi, pigmea esperantisto, ne kuraĝas opinii pri tio, kaj, malpli, post la uragano okazigita de Suplemento. Sendube, la apero de la Azorin'a Vortaro, kvankam admirinda verko, okazigos bruegan fulmotondron, ĉar ĝi ŝajnas iomete revolucia, sed, certe, post la diskutoj naskiĝos io utila por solvi la multegajn malfacilaĵojn, sin prezentantajn al la kuraĝulo, kiu riskis preni sur sin la taskon aranĝi vortaron.

El la multaj vortoj semantaj dubojn kaj dornopleniguntaj la longan vojon, jen kelkaj specimenoj: Unue mi mencias la nutrivan vorton «garbanzo» (H) (1). ***Cicer sativa*** (L); laŭ V, ***kikero***; laŭ A, ***cicero*** (en kvar sencoj, botanike, historie, literature kaj tipografie); en PV oni legas la vorton ***cicero***, sed nur por la tipografia senco. ***Absorbi***: en PV nur mensa senco; en A krome la fizika signifo de sorbi; en V nur fizika signifo. ***Analoj***: laŭ V, historio de la jaraj okazintaĵoj. PV, S kaj A silentas. ***Arachis*** (L): greke ***arakos***; PV, ***arakido***; V, ***arakiso***, ***arakido***; A, ***arako***; (laŭ ĉi tiu aŭtoro, ***arakido*** estas tuta familio botanika de arakoj; aliparte PV diras, ke ***arako*** estas brando eltirita el rizo). ***Baledo***, ***baleto***, en P. V.; la unuan akceptas V. kaj A.; por tiu ĉi, baleto estas malgranda balo. ***Buĝio***: laŭ Medicina Teknika Vortaro de Briquet, uretra esplorilo. ***Bugio*** (ĉu preseraro): laŭ A, 1. mezurunuo por lumigado, 2. aŭtomovila eksplodigilo; ĉi tiu lasta nomata de S, ***sparkilo***. ***Albo***: PV, pastra blanka tola ĝispieda mesvesto; por A plie, 1. kanto frumatena, antaŭ la ruĝa krepusko, de la mezepokaj trovadoroj, (kaj ankaŭ nuntempe en Valencio, ***albada***, ***alborada*** (H), ***albá***, valencilingve); 2. brilblanko kiel la frumateno, kiel perlo. V silentas. Ĉu

*debi* (A) aŭ *ŝuldi* (P V)? La lasta radiko, netuŝebla ĉar estas fundamenta; sed el kiu radiko deriviĝas la vorto *debitoro* (P V), kaj ĉiukaze pro kio *debeto* kaj ne *debito*? *Brevo*: A, 1. mallonga papa dekreto; 2. noto muzika; 3. unua jarfrukto de figarbo, (*breva*, H); 4. supersigno de la *ŭ* esperanta; P V, S kaj V silentas. *Kvoto*: laŭ V, topografia senco; por P V, financa; laŭ A, ambaŭ sencoj.

Sen komentario, jen kelkaj novaĵoj de Azorín: Akropolo, aktori, amfitrio, ampelografio, anakoreto, anemoskopo, antonomaso (antonomazo, laŭ V), apikulturo, argando, morboza, mortiero, atricio, kontricio, avio, avikulturo, cipero, cipertubero, ciperaĵo, dioramo, duraluminio, epoleto (eksplodigilo), eŭforio, fakulti, femino, filipiko, fiskalo, fomenti (metafore), forniki, freno, frenilo, glaŭko, golfo (multsenca), gonometro, graalo, grafometro, grafomanio, gravoza, grii, hidalgo, hierologio, hipismo, hospico, imbecilo, impedi, impertinanta, inhibi (jam en Briquet), inicialo, injuri, inkunablo, insinui, institui, juguli, kabino, kaciko, kaziko, kafro, kaimano, kako, kakofonio, kaloro, kalorimetro, kamaro, karilono, katastro, kateki, kelono, kermo, kinemaskopo, klepsidro, klepti, kleptomanio, kolosejo, kongregi, konsoni, konstitui, konti, koordiĝi, kretino, krino, kroketo, kupido, kurio, kvadri, kvaresmo, kc. kc.

Ĉu ĉiuj novaj vortoj, necesaj kaj akcepteblaj? Jen grava problemo por ke la akademianoj *diskriminu* (A), ĉu jes, aŭ ne! Admirindaj laboroj, tiuj de S. A. T.— Plena Vortaro kaj Suplemento—, kaj tiu de Azorín kaj kunlaborantoj, sed, por konkretaj kazoj, kiu pravas? Dume, oni povas diri, ke ne troigas kiu ŝerce diris, ke la Kreinto devigite puni kreitaĵon, devigis ĝin verki vortaron. Por eviti la regantan kaozon estas neprokrastebla tasko, farebla kaj farenda, verki Universalan Vortaron, taskon farotan de la plimulto el la 46 akademianoj kaj de kleraj fakuloj, kaj tia vortaro, kiel eble plej ampleksa, estos vera kunmiksaĵo el ĝeneralaj kaj fakaj radikoj.

Por maldensigi la nuboplenan atmosferon mi kredas, ke utilus sendi ekzempleron de ĉio, kion oni publikigos (gazeto, revuo, libro, kc.) al la Akademio, por kribri, aŭ pli bone, bluti (V) ĉian novaĵon, kaj post detala ekzameno, akcepti aŭ malakcepti ĝin, publikigante en la plej gravaj gazetoj (represo petata) la ĵus oficialigitajn novaĵojn, kaj post la eldono de la dezirata Universala Vortaro, de tempo al tempo, publikigi aldonaĵon por pliampleksigi ĝin. Finfine mi respektplene petas al la gazetredaktoroj, ke kiam ili legos en io publikigota, novan radikon, ŝajne akcepteblan, sed ne facile kompreneblan, ili devigu la autoron klarigi ĝin.

*E. Tudela.*

(1) H = hispanlingve; L = latinlingve; V = Vortaro de Verax; A = Vortaro de Azorín; P V = Plena Vortaro; S = Suplemento de Plena Vortaro.

---

**KIO ESTAS LA VERO,** de Martinus. El la dana originalo tradukis C. Graversen. Kontrolita de La Literatura Komitato de SAT. Formato 13 x 19 cm. 95 paĝa. Bindita en verda tolkovrilo kun ora simbolo. Eldono de La Spiritscienca Instituto de Martinus, Mariendalsvej, 94-96, Kopenhago F. Danujo. Prezo 6'50 danaj kronoj.

El la verkoj de La Spiritscienca Instituto, ĉi tiu libro estas la tria eldonita en Esperanto. Por Martinus, la materiismaj intelektuloj estas same kredantaj kiel la religiuloj, ĉar la nekredo de la sendiuloj malkaŝas, ke ili kredas la neekziston de intelekta providenco. Per siaj spiritsciencaj analizoj Martinus anoncas la komenciĝon de nova mondepoko en kiu la estuloj estas morale gvidataj de «la sankta spirito», la sola kiu savos la homaron, ĉar la reveno de la mondsavanto ne manifestiĝos plu en formo de persono, sed kiel spirita forto. Por sinceraj adeptoj, la religio estas «la vojo», kiun ili sekvas; sed, la vojo ne plu kontentigas la kosman sciemon de la moderne pensantaj estuloj, ĉar nun estas «la vero» mem la celo de la homa psiko. Per nura kredo la plej multaj religianoj ne plu ricevas la spiritan pacon. Kredo ne estas afero de volo. Kredo baziĝas sur fido kaj la evoluinta inteligentulo perdis la kapablon fidi cion ekster la kampo de racio; sed, nur materia scienco ankaŭ ne sufiĉas por la soifanta altintelektulo. La povo mezuri la rapidecon de lumo, kontroli atomojn kaj pesi astrojn, ekzemple, ne estas pli grava por la homo, ol la kono de la profunda

rilato inter la propra spirito kaj la materio. La vojo de lia animo tra tempo kaj spaco, estas por li pli aktuala afero, ol la tergloba rondiro ĉirkaŭ la suno, aŭ ties migrado tra la senlima Universo. La sola, kio povas kvietigi la spiritan soifon de la terhomo kaj doni al li kosmau konscion, estas la spirita scienco, la sciencigo de la eterna vero. Kiam oni posedas ĝin, oni harmonias tiam kun «la vivo». Iam, post la spertado de multaj doloroj, kiam la malamo estos for, la estulo venos al la vojfino de ĉiuj ĉagrenoj; tio signifos la finon de lia vagado en mallumo, kaj komencon de lia agado en la lumo. Tiam la homo ne plu bezonos spiritan gvidadon, ĉar tiam li mem fariĝis inicito, enkarniĝinto de «la vojo, la vero kaj la vivo»...

Laŭ tia maniero eksplikas Martinus la misteron de la vivo kaj la senmortecon de la vivanta estaĵo. Al multaj religianoj ne plaĉos tia koncepto pri la leĝoj de la ekzisto, ĉar, ĉiu kredanto estas konvinkita, ke liaj religiaj doktrino kaj kulto estas la ĝustaj, la veraj. Por religiaferaj skeptikuloj, kies progresinta intelekto postulas scion anstataŭ kredon, la kosmaj esploroj de Martinus ŝajnos naivaĵo. La libro havas specialan intereson do, por tiuj serĉantoj de kosmaj analizoj, reciprokataj de spirita scienco, por kiuj la Esperanto-Sekcio de La Spiritscienca Instituto preparas la eldonadon de la tuta serio de la libroj de Martinus.

*Ricardo Quiles.*

**L'ESPERANTO AU SERVICE DU CHRIST,** de André Ribot. 20 paĝoj. Eldonita de la aŭtoro: 11, Rue Paul Vergnes. Marmande (Lot-et-Garonne), Francio. Prezo nemontrita.

Jen tre taŭga broŝuro en franca lingvo, kiu estos bonega propagandilo por disvastigi Esperanton inter la katolikoj. En ĝi troviĝas detale priskribitaj la rilatoj inter la lingvo internacia kaj la Katolika Eklezio, kun la favora opinio de la lastatempaj Papoj. Krome, oni montras la aplikon de Esperanto en la movadoj Pax Christi kaj por la unuiĝo de la Eklezioj. Ankaŭ oni mencias la literaturon katolikan eldonitan en Esperanto kaj la uzadon de nia lingvo en la liturgio, Internaciaj Eŭkaristiaj Mondkunvenoj, I. K. U. E. - Kongresoj, k. t. p. Aparta ĉapitro estas dediĉita al la Internacia Katolika Informejo, kiu per la esperantlingva bulteno «Vojo-Vero-Vivo» disvastigas la Katolikismon inter nekatolikoj. Resume, ĝi estas rekomendinda libreto, kiu meritas esti tradukota en aliaj naciaj lingvoj.

*J. Juan Forne.*

**LUDILOJ. A. B. C.** Dua libro. Eldonita de The British Esperanto - Association (Incorporated), 140 Holland Park Avenue, London, W. 11, Anglujo. Prezo: 1 Brita ŝil. aŭ 5'50 pesetoj. Strofoj de Nenjo Rimanto. Bildoj de Brian Leslie.

Ne estas oftaj la libroj por infanoj, pro tio, mi rigardas kun granda simpatio ĉi tiun abocon, kiu multe altiros la atenton de ĉiu persono amanta la infanojn kaj Esperanton.

Nenjo Rimanto verkis trafe strofon por ĉiu litero kaj bildo; kaj Brian Leslie desegnis arte tre allogajn bildojn, kiuj sendube, multe plaĉos al la infanoj. Laŭ mia opinio A. B. C. estas verketo inda esti en ĉies infanaj bibliotekoj. La literoj kaj bildoj estas bele presitaj sur bona papero. Mi finas per jena strofo:

A. B. C.

Per bona infan'
La morgaŭa viro,
Pli utila ol pan'
Jen estas la libro.

*R. Albero.*

**HAMBURGO (Germanujo).** — Turisma broŝuro eldonita de Fremdenverkehrs - und Kongress-Zentrale Hamburg e. V., Lombardsbrücke 1.

Oni povas diri, ke la plej belaj turismaj broŝuroj en Esperanto nun estas eldonitaj en Germanujo. La praktikemaj germanoj certe konstatis la efikon de la turisma propagando en Esperantujo kaj sinsekve ili eldonas belegajn broŝurojn. Pri Hamburgo jam aperis kelkaj, sed la nun recenzita elstaras super ĉiuj, kun diverskoloraj fotografaĵoj, kiuj montras la vidindaĵojn de la bela Hansa urbego. Legantoj dezirantaj havigi al si ĉi tiun belan albumeton, petu ĝin al la supre indikita adreso.

*J. J. F.*

Nosotros ya sabemos que

# EL ESPERANTO ES MUY UTIL PARA EL TURISMO

## Pero ahora lo empiezan a saber los demás prácticamente

En la importante revista turística «Valencia Atracción» se publicaron dos extensos e interesantes artículos originales en Esperanto, debidos a la pluma de nuestro amigo Luis Hernández. El primero de ellos, en el número de Marzo de 1953, sobre las típicas *fallas* valencianas. El segundo, en el número de Noviembre de 1954, con una amena descripción de la ciudad. Este segundo artículo se editó aparte en prospecto y todavía puede ser recibido gratuitamente con sólo solicitarlo a

SOCIEDAD VALENCIANA FOMENTO DEL TURISMO
Bajos del Ayuntamiento — Valencia

Veamos ahora, como resultado de su eficacia, los comentarios que estos artículos en Esperanto, publicados en una revista no esperantista, han merecido en la prensa diaria de Valencia. He aquí los fragmentos que nos conciernen:

«De los editados en esperanto, uno contiene excelentes dibujos de Moreno y de Chorro Solbes y una apología de Valencia, que destaca por su interés histórico y por la abundancia de sus referencias de arte y cultura. El otro folleto está dedicado a las fallas y contiene expresivas fotografías y texto de todos los aspectos de estas típicas y tradicionales fiestas nuestras. Respecto de estos folletos en esperanto nos hablaban en la propia sociedad Fomento del Turismo, de su gran repercusión. Desde las poblaciones más insospechadas se piden referencias, antecedentes, y se muestra afán jubiloso de que sea un idioma tan querido para los esperantistas, el utilizado para la divulgación y propaganda de temas valencianos.»

**De la sección editorial «Actualidad Valenciana», del diario «Las Provincias», fecha 12 Marzo 1955.**

«Uno de los mayores éxitos de nuestra publicación («Valencia Atracción») lo constituyó un artículo en esperanto, y es constante la llegada de cartas de todas partes del mundo, en demanda de datos y detalles de las cosas de Valencia.»

**De un artículo de D. Enrique Taulet, publicado en el diario «Levante», fecha 3 Enero 1956.**

Como vemos, ya se va hablande en serio fuera de nuestras filas. ¿Servirán de estímulo estas notas para que los esperantistas residentes en las ciudades importantes de España procuren hacer algo parecido en los respectivos organismos de información y turismo?

---

**el la paĝo 244**

Ni havis la grandan plezuron esti vizitataj de S-ano Profesoro Manuel Fernández Menéndez, honora prezidanto de la Urugvaja Esperanto-Societo, kiu tiom kontribuis al la agnosko de Esperanto fare de Unesko en la lasta sesio en Montevideo. Post vizito al la plej vidindaj lokoj kaj intervjuo antaŭ la mikrofono de Radio Alerta kaj post la ĉarma konversacio de tiel simpatia samideano, li foriris en vizito al aliaj hispanaj urboj.

*SANTA COLOMA DE GRAMANET (Barcelona).* Dank' al la entuziasmo de la veterana 72-jara samideano S-ro Juan Gironés, Esperanto vivas en ĉi tiu urbeto, en la Esperanto-Fako de Centro Excursionista Puigcastellar. La loka samideanaro kontribuas laŭvole al tiuj klopodoj, sed la animo estas li: li agas kiel prezidanto, kasisto, sekretario enspezinto ktp. Jen imitinda ekzemplo por aliaj pli junaj esperantistoj.

# DIVERSAĴOJ

***Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta solvon de enigmo, gajnos unu poenton. Gajnintoj de 10 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 15ª de Februaro.***

Korektajn solvojn sendis jenaj samideanoj: P. Naranjo, S. Roca Rodó kaj A. Núñez pri la enigmoj n.° 27 kaj 28. J. A. Daniel, A. Escamilla, J. Armadans, R. Manau, M. Fernández, R. Pardos, J. Silva, J. M. Fontcuberta, R. Albero, A. Candela, A. Madriles kaj V. H. Llusera nur pri la enigmo n.° 28. Jam atingis la 10 poentojn samideanoj V. H. Llusera, A. Madriles, R. Albero kaj S. Roca Rodó; ni do sendas al ili la premiojn.

SOLVO DE LA ENIGMO N.° 27

Ĉar la jarsalajro de S-ro Petro ne estas dividebla per tri, S-ro Petro ne povas esti tiu, kiu loĝas pli proksime de la biletkontrolisto; nek S-ro Johano kiu loĝas en Lérida; do, ***S-ro Petro loĝas en Barcelono*** **kaj tiel *la biletkontrolisto nomiĝas Petro.*** Ĉar Paŭlo ŝakludas pli bone ol la helpmaŝinisto, tiu ĉi ne povas esti Paŭlo, nek Petro; ***la helpmaŝinisto estas Johano.*** Do. la maŝinisto, nepre, estas Paŭlo.

SOLVO DE LA ENIGMO N.° 28

*Horizontale:* 1 ailP, Faka. 2 Neforgesebl. 3 Er, Barbo, Iu. 4 Vok, Mar, Eta. 5 onaP, Klus. 6 Anemometr. 7 aŭaN, Ruis. 8 Ktp, Vol, Sek. 9 Si, ainiP, Nu. 10 Akompananto. 11 Opio, Krio.

*Vertikale:* 1 Nevo, Aksa. 2 Aeronaŭtiko. 3 iF, Kanap, Op. 4 Lob, Pen, Ami. 5 Pram, Vipo. 6 Gramofona. 7 Febr, Link. 8 Aso, Ker, Par. 9 Ke, Eltus, Ni. 10 Abituriento. 11 Luas, Skuo.

ENIGMO N.° 31

Aldonu literon de J. Devís

Post ĉiu numero estas donitaj du klarigoj respondantaj al serĉotaj vortoj, el kiuj la duan oni trovas aldonante literon antaŭ aŭ inter la literojn de la unua vorto. La aldonitaj literoj, legataj en la sama sinsekvo, formas proverbon.

1 Ŝarĝveturilo. Logo de tio, kio estas plaĉa. 2 Libera spaco, ĉirkaŭita de domoj. Granda luksa domo. 3 Maldelikata tapiŝo. Monato. 4 Konj. Alta trotuaro laŭlonge de fervojo. ĉe stacio. 5 Malplena spaco, okupita de neniu materio. Ago malokupi lokon. 6 Ŝipkajuta fenestreto. Pompa brileco en vivmaniero. 7 Metafore, idaro, raso. Peco el ligno, multe pli longa ol dika. 8 Arbo. Muzikilo kun vertikalaj kordoj kaj klavaro. 9 Moviĝi tien, kie estas la parolanto. Perdi la konscion kaj sinmovon. 10 Percepti pere de la okuloj. Montri al iu la ĝustan vojon, irante kun li. 11 Pref. montranta gran dan primitivecon. Ne makulita. 12 Pagante, ricevi ion por ĝin uzi dum difinita tempo. Kunfiksi du metalajn pecojn per metala fandebla miksaĵo. 13 Griza, facile fandebla metalo. Diablo. 14 Io kompleta. Speco de malgranda kolombo. 15 Apudmara sabla monteto. Unu el la du egalaj partoj de tuto.

ENIGMO N.° 32

Krucvorta enigmo, de J. Devís.

Sama figuro de antaŭaj numeroj.

*Horizontale:* 1 Varmiĝi ĝis formiĝo de vaporo. (Inv) Kartluda figuro. 2 Apogiloj de terasoj aŭ balkonoj. 3 Sufikso. Agi same kiel alia. Artikolo. 4 (Rad) Arbo. Kolektiva. (Inv) Demanda adj. 5 Trasformi la felon en ledon. Parto de cirklo. 6 Parto de armeo. 7 Movi ion kun si irante antaŭen. (Rad) Tuto da homoj havantaj komunajn leĝojn. 8 Profesia sufikso. Mallongigo de «kaj tiel plu». Aproba interj. 9 (Rad) Inklino al persono. (Rad) Sankta libro. (Rad) Fabela estaĵo. 10 Rilataj al vapormaŝinoj kun radoj. 11 Tiu sekvantajo. (Inv) Meblo.

## LERNU TRADUKANTE

*Inter la sendintoj de korektaj tradukoj ni distribuos premiojn, laŭ samaj kondiĉoj kiel por la enigmoj.*

Jenaj samideanoj sendis la tradukon de la tasko de Novembro: V. Monsalve, J. Blasco, R. Pardos, V. H. Llusera, S. Roca Rodó, J. Saladrigas, E. Pons, R. Canet, J. A. Daniel, A. Escamilla, R. Manau, R. Albero, M. Fernández, E. E. Yelland, A. Núñez kaj M. Vallés. Atingis 10 poentojn S-roj A. Escamilla, V. Monsalve kaj F-ino A. Núñez; ni sendas al ili la libropremiojn.

*Ni prezentas unu el la plej korektaj tradukoj:*

La vintrajn tagojn, malvarmajn kaj pluvajn, Nelly pasigis hejme. Kiam ŝi sentis sin aktiva kaj bonfarta, ŝi faris siajn hejmajn laborojn kantante, forigante la polvon per elektra polvosuĉilo, ordigis la fajron kaj poste sidiĝis por kudri antaŭ la fenestro de la skriboĉambro. De tie distingiĝis vasta panoramo de tegmentoj, kiu ampleksis de la turo de Sankta Laŭrenco, la ĉefpreĝejo, kiu prezentiĝis tre dekstre, ĝis la turoj de la germana evangelia preĝejo kaj la orienta preĝejo, kiuj staris en la maldekstra ekstremo. El la granda fenestro oni vidis parton de la haveno. La homoj irantaj meze de la nebulo kaj de la malsekeco, ŝajnis nigraj makuloj en la griza atmosfero. Inter la tegmentoj elstaris la pintoj de la senfoliaj arboj borderantaj la kanalojn. El la alia malgranda fenestro, kiu malfermiĝis al la strateto sulkata de la kanalo, la spektaklo estis malsama. La trenŝipoj pasis kun spirego, elĵetante nubojn de nigra fumo, kiu malpurigis la aeron.

*Por nova tasko jen alia peco de la sama romano «El gran torbellino del mundo», de Pío Baroja:*

**A los doce años comencé a estudiar música. El organista de la iglesia católica de nuestro pueblo se llamaba Matías Romano y era un viejecito muy amable y muy bondadoso. Me llevaba con él al coro y allí solía tocar el órgano para mí. Era este organista un anciano flaco, con melena blanca, afeitado, de cara muy estrecha y de frente muy ancha. Tenía la cara de un sabio y era aficionado a estudiar las costumbres de las mariposas, de las abejas y de los insectos. A mí me explicó muchas cosas y me dió en sus conversaciones los rudimentos indispensables de la cultura. Se dijo que yo adelantaba extraordinariamente, y el maestro Romano aseguró que me tenía que llevar al castillo y presentarme a sus dueños. Entonces en el castillo vivía la condesa de Francken, que era una señora viuda con dos hijos. El hijo estaba en la corte de Viena, ocupando un alto cargo, y yo no le llegué a conocer. La hija se llamaba Leonor, era muy buena; una mujer encantadora como pocas, amable, instruída, de una gran belleza y simpatía. A mí me cautivó desde que la ví; ella se hizo pronto amiga mía y me enseñó el francés y el piano.**

---

*Vertikale:* 1 (Rad) Preskaŭ sanktulo. Pro tiu motivo. 2 Krudaj lingvaj malkorektaĵoj. 3 Komparativa konj. (Inv) Pene tiri post si. Dependiga konj. 4 Pagante, ricevi ion por ĝin uzi. Fari. (Rad) Havi klaran ideon pri io. 5 Doktrino aŭ sistemo. Interpunkcia signo. 6 Liniilo kun skalo uzata ĉe la kompostado. 7 Rektangula. Fritilo. 8 (Inv) En ia tempo. (Rad) Prenilo. (Rad) Kunigilo de metalaj pecoj. 9 Sufikso. Praktikaj aplikoj de la scioj k reguloj. Pronomo. 10 (Rad) Homo kies kranio estas pli longa ol ĝia larĝo. 11 Vira vesto. (Inv) Konsenti.

---

## ADVERTENCIA

En nuestro catálogo, enviado a nuestros lectores con el Boletín de Diciembre, está equivocado el precio del libro *Ilustrita Vortaro de Esperanto,* de Azorín. Su precio real es de ptas. 275 más 5 por gastos envío.

## ALMANAQUE

con texto en Esperanto, cinco láminas, a varias tintas, precio 4 pesetas. Grandes descuentos a los Grupos; también disponemos de esperantaĵoj y fotografías del Doctor Zamenhof. Pedidos al samideano

Francisco Estruch — Cronista Torres, 26
Valencia

## LA MALPRUDENTA SCIVOLULO

interesa novelo de Cervantes
en klara, bela kaj fidela traduko de
**LUIS HERNANDEZ**
68 paĝoj 20 x 14 cm. Belaj ilustroj kaj vinjetoj.
Arta kvinkolora surkovrilo. **20 pesetoj.**
Libro-Servo de Hispana Esperanto-Federacio

● Kun la tuta mondo precipe kun Usono, revuojn kaj librojn pri mekaniko, ĉefe pri malvarmigo-tekniko, deziras interŝanĝi kontraŭ poŝtmarkoj, bildkartoj aŭ hispanaj revuoj, S-ro Juan Soler Pérez, str. Poeta Zorrilla, 14-Alicante, Hispanujo

● S-ino Renée Berthaux, 46 rue Chanzy, Le Mans, Sarthe, Francujo deziras korespondi kun hispanoj pri bicikladо, motociklado, fotografado kaj turismo.

● Kunio Kubota, Shimura Dai-I. Chugakko, Shimura-Shimigu-cho 596. Itabashi-ku, Tokio, Japanujo, deziras korespondi, 31-jara licea instruisto kaj liaj gelernantoj 14-15 jaraj, kun ĉiuj ajn, kiuj esperas la feliĉon de la infanoj, ankaŭ interŝanĝi p. m., bildkartojn, fotojn, infanverkaĵojn ktp.

● Yoshiro Misawa, 309 Daiku-Omotemachi, Okayama, Japanujo, deziras korespondi; studento de Jura kaj Literatura Fakultato de Universitato Okayama, pri diversaj temoj kun s-anoj el Eŭropo, ankaŭ interŝanĝi ilustritajn p. k.


**BOLETIN**
de la
**FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA**
BULTENO
DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

**Adreso de la Redakcio kaj Federacio**
**Str. Pelayo, 7, 1.ª**
**VALENCIA**

**Telefonoj: 19532 kaj 53579**
**Oficej-horoj**
**9 ĝis 13'30 kaj 15 ĝis 20**
**Sabate: nur 9 ĝis 13**
**Kunvenejoj**
**Marde: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)**
**De 22'30 ĝis 24**
**Sabate: Montepio de la Dependencia Mercantil**
**Str. San Vicente, 67, 1.ª**
**De 15'30 ĝis 18**
**Kotizoj de la Federacio**
**Simpla membro: 15 pesetojn jare**
**Membro-abonanto: 50 pesetojn jare**
**Membro-subtenanto: 80 pesetojn jare**
**La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.**
**Eksterlanda abono al la Bulteno: 50 pesetojn jare**
**Monsendojn adresu al:**
**S-ro Ernesto Hurtado**
**Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA**


## DONACOJ AL NIA BULTENO

**J. M. V., 25.—R. Canet, 5.—P. Naranjo, 5.—E. Pons, 15.—F. Alsina, 50.—M. Buscató, 10.—S. Alberich, 50.—T. de la Cruz, 10.—F. Soler, 25.—J. Guzmán, 25.—F. Pallás, 50.—R. Maraury, 20.—A. Núñez, 10.—A. Pastor, 50.—S. Roca, 25.—S. Gumá, 10.—P. Alcedo, 10.—C. Olalla, 10.—I. Krestanov, 118.-J. Casanovas, 20.-J. Bolea, 10.**

**Entute 553 pesetoj.**



● Yuko Fukuda, Saga-Kenritsu-Mogakko, Nakaore, Kamitabuze-machi, Sagashi, Saga-ken, Japanujo, deziras korespondi, 26-jara instruistino de blindul-lernejo, pri edukado de blinduloj, muziko, vojaĝo, filatelio, komparo de Esp. kaj la angla lingvo ktp., kun ĉiuj, sed prefere kun blinduloj kaj blinduledukistoj el ĉiuj landoj.


PERIS-G. VÍA M. TURIA, 28-VALENCIA